

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Septembro/Oktobro (4) 2010

# Hamburg – vizitinda urbo

Foto: Michael Marx

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str .95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

en tiu ĉi numero de *Esperanto Hamburg* mi prezentas al vi la urbon Hamburg kiel vizitinda urbo. Ofte okazas ke turistoj en Hamburg nur vizitas la kutimajn lokojn, kiuj estas konataj: La haveno, kaj la konstruaĵoj en la urbocentro, kaj la nova *Havena Urbo*. Sed la urbo estas multe pli varia ol kutime oni vidas. Hamburg vere estas vizitinda kaj ni planas por 2011 denove okazigi *Hamburgan Someron* antaŭ al UK en Kopenhago, same kiel ni ofertis tion en 2003 por vojaĝantoj survoje al Gotenburgo. Tiam la okazaĵo estis granda sukceso, kiun ni deziras ripeti kun nova turisma programo. La urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo ja prezentas amason da ekskurso-eblecoj.

Al ni Hamburganoj komence ŝajnis ke ĉi-jare ne venus somero, sed poste ĝi tamen estis tre varma. Ni profitis la ferian tempon por plibonigi la lingvajn kapablojn de niaj membroj en la *Paroliga Somero*, kiu plurfoje okazis en la ĝardeno de la kulturbutiko dum varmaj someraj vesperoj. Nur nia *Somera Festo* ne dum tia tago okazis: Kiam ni volis ekmanĝi rostitajn viandon kaj kolbasojn komencis pluvi...

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

*Ne eblas porti la torĉon de la vero tra amaso sen bruligi ies barbon.*

Lichtenberg

**Redaktofino** de n-ro 5/2010: 15-10-10

**Redaktofino** de n-ro 1/2011: 15-01-11

**Redaktofino** de n-ro 2/2011: 15-03-11

Hamburg estas konata kiel plej granda havena urbo en Germanio, sed nur malmultaj turistoj scias pri la bunteco de la kvartaloj, kiuj konservis la etosojn de la iamaj vilaĝoj kaj urbetoj, kiuj meltiĝis al la granda Hamburg.
Kvankam Hamburg situas en distanco de 80 km for de la Norda Maro oni povas sunumi sur plaĝoj kaj naĝi en la rivero Elbe, en la enirejo de la haveno.
Je 20 km ekster la urbocentro, en la iama urbeto *Bergedorf* troviĝas mezepoka kastelo kun ĉirkaŭfosaĵo, en kies akvo naĝas anasoj. En la kastelo troviĝas muzeo.
En la multaj parkoj de la urbo oni trovas vidindajn plantojn; ekzemple rododendrojn kun alteco de pli ol kvar metroj. En la kvartalo *Ohlsdorf* troviĝas la plej granda parko-tombejo de la mondo, kiun trairas pluraj buslinioj.



**La kastelo en Bergedorf**

**Altegaj rododendroj en la urba parko**



**Naĝado en la rivero Elbe, proksime al la urbocentro**



# Landa Ĝardena Ekspozicio 2011 en Norderstedt

En Norderstedt, tuj ĉe la landlimo norde de Hamburg en 2011 okazos la Ĝardena Ekspozicio de la lando Ŝlesvig-Holstinio.
La preparlaboroj jam estas videbla en la tereno (foto) kie troviĝas lageto, arbaro kaj kamparo. Tiel la urbo ricevos novan grandan parkon








# Akvo-Lum-Orgeno

En la Hamburga urbocentro, en parko *Planten un Blomen* en la someraj monatoj vespere post malheliĝo okazas koncertoj dum kiuj laŭ la muziko saltas, dancas kaj ŝprucas akvo, lumigita de centoj da koloraj lampoj. La akvo-lum-orgeno en la parko ekzistas ek de 1938. En 2009 la spekaklojn vizitis proks. 400.000 homoj.

*Héctor Gonzáles-Pino kaj Tanja Naini* ludas samtempe sur la akva kaj la luma orgenoj; nur la muziko venas el diĝita fonto. La stilo de la muziko en la koncertoj varias de klasiko ĝis ĵazo. Speciala bombono por la vizitantoj de la spektakloj estas, ke ili estas senkostaj!

## Hafengeburtstag

La naskiĝtago de la hamburga haveno oficiale estas la 7a de Majo 1189. Tiam la urbo ricevis la privilegion sendogane transporti varojn inter la urbo kaj la norda maro. La urbo ĉiujare festas tiun daton kun la plej granda havena festo de la mondo. Dum unu semajnfino la bordo apud la rivero Elbe fariĝas grandega scenejo kun multaj spektakloj, ekspozicioj kaj kermeso. Multaj ŝipoj el multaj landoj pro tiu festo venas al Hamburg. La vizitantoj povas suriri kaj rigardi malnovajn velŝipojn, vaporŝipojn, kruzadŝipojn kaj plej modernajn armeajn ŝipojn. Multaj homoj staras apud la rivero por rigardi la eniran kaj eliran paradojn de la partoprenantaj ŝipoj kaj la baledon de remork-ŝipoj. En 2010 al la festo venis pli ol unu miliono da homoj el Hamburg kaj aliaj urboj.



**Wir sprechen**
**die internationale Sprache**
**Esperanto**
*Ni parolas la internacian lingvon*
jeden Donnerstag
ab 19:30 Uhr
im Kulturladen St. Georg
Alexanderstr. 16 • 20099 Hamburg
und täglich
**weltweit**
Esperanto-Verein Hamburg e.V. • Klaus-Groth-Str. 95 • 20535 Hamburg
www.esperanto-hamburg.de

## Nova kolora afiŝo

Ek de Junio 2010 sur *Carl-von-Ossietzky-Platz* en Hamburg-St.Georg, do la kvartalo kie ankaŭ troviĝas nia kluba kunvenejo, sur komunuma afiŝkolono videblas tiu ĉi varbaĵo por Esperanto. Tio nur eblas per la kunlaboro kun la kvartala asocio, kiu ricevas specialajn prezojn en la presejo.

## Somera Festo

La 31an de Julio ni kune festis en la antaŭa ĝardeno de la Kulturbutiko. La estro de la restoracio, *Oskar Fröhlich,* rostis por ni viandon kaj kolbasojn kaj ofertis salatojn. Partoprenis 17 personoj.





## Ekskurso al Ratzeburg
## 19a de Septembro 2010

Ni vojaĝos per trajno al la bela urbo Ratzeburg.
Historio: La nomo Ratzeburg originas en la nomo de slava Princo *Race*, kiu en la 11a jarcento rezidis ĉi tie en ringforma fortikaĵo. La fondado de la urbo kaj la episkopejo okazis en 1154 far *Henriko la Leono*.



La katedralo en romanika stilo estis ekkonstruita en 1160. La duklando Laŭenburgio de post 1296 apartenis al Saksio. Post la Vestfalia Paco en 1648 la katedrala distrikto fariĝis parto de Meklenburgio. La fortikaj urbo kaj kastelo kaŭzis malplaĉon al la dana reĝo kaj duko de Ŝlesvig-Holstinio *Christian V,* kiu detruigis la tutan urbon escepte de la katedrala distrikto en 1693. Oni rekonstruis la urbocentron laŭ la ekzemplo de Mannheim en baroka stilo. La lastajn restaĵojn de la fortikaĵo *Frederiko VI,* dana reĝo kaj duko de Laŭenburgio forigis en 1816.
Nur en 1937 per la leĝo pri *Granda Hamburgo* la katedrala distrikto fariĝis parto de la urbo. Tamen la katedrala paroĥa komunumo restis parto de la meklenburga evangelia eklezio. Bv. legi apartan folion!

## Hamburg-Enigmo




Kie troviĝas tiu ĉi evidente oblikva konstruaĵo?
En ĝi estas fama restoracio. La ĉefo, Thorsten Gillert nun ofertas blankan kolbason kiel specialaĵo.

---

14a de Oktobro 2010 • 19.30 h
*Dr. Ursula Niesert:*
**Wikipedia: mehr als nur ein Lexikon**
Dr. Ursula Niesert nutzt das Internet seit langer Zeit und ist begeisterte Wikipedia-Autorin. Sie promovierte über die Verbindung von Informatik und Biologie. Sie lebt in Freiburg im Breisgau. In ihrem Vortrag erläutert Dr. Niesert, was Wikipedia, das größte Online-Lexikon der Welt, ausmacht und wie man es benutzt, erläutert die Historie und die Möglichkeiten, daran mitzuarbeiten. Dr. Ursula Niesert widmet sich außerdem der Vielsprachigkeit und Vielfalt der Wikipedia, wie man andere Kulturen kennen lernen kann. Schließlich werden die Grenzen der Wikipedia aufgezeigt.

Vortrag im großen Saal. Eintritt frei.
Vendredo, la 15a de Oktobro • 20.00 h
*D-rino Ursula Niesert:*
**Enkonduko en la Esperanto-Vikipedion**
D-rino Ursula Niesert, informadikistino kaj longjara reprezentanto de la GEA-buroo en Freiburg, klarigas al ni, kio estas la Esperanto-Vikipedio, kiam ĝi ekestis, kiu kunlaboras, kiom da artikoloj ekzistas, kiun rangon inter la diversaj lingvoj ĝi havas. Ŝi ankaŭ montros al ni la diferencojn inter la diversaj lingvoversioj.




En la granda salono de la kulturbutiko.

Sabato, la 16a de Oktobro 2010
12.30 h **Komuna tagmanĝo** je propraj kostoj en turka restoracio „Lades“ ĉe Steindamm.
14.00 – 17.00 h *D-rino Ursula Niesert:*
**Laborgrupo Vikipedio**
D-rino Ursula Niesert eksplikos kaj montros al ni kiel efike uzi la Vikipedion kaj mem iĝi aŭtoro kaj kiel redakti propajn artikolojn kiuj eniros la Vikipedion. Se eblas kunportu vian komputilon por ke vi mem povu praktiki.
Maksimume 12 partoprenantoj, antaŭa senkosta aliĝo necesa.

## Hamburga kuirado: Labskaŭs

La deveno de la nomo de Labskaŭs ne estas konata. Ĉiukaze ĝi estas tipa nordeŭropa manĝaĵo, kiun oni konas laŭ diversaj stiloj en pluraj landoj. Origine Labskaŭs estas marista manĝaĵo; do ĝi enhavas tiajn produktojn, kiuj dum longaj vojaĝoj de velŝipoj estis disponeblaj en la kuirejo de ŝipo: Terpomoj kaj peklitaj viando, haringo kaj legomoj. Specialaĵo estas ke la tuto estas muelita. Sed oni estis ŝparemaj sur la ŝipoj, do la manĝaĵo aŭ enhavis viandon aŭ fiŝon. En Hamburg kutime ne estas haringo en Labskaŭs, sed en restoracioj oni servas ĝin aparte kune kun ruĝaj betoj kaj kukumoj. La tuton kronas fritita ovo, kiu fakte ankaŭ ne ekzistis en sufiĉa kvanto sur ŝipoj dum longa vojaĝo. Do ni hodiaŭ konas la luksan version de Labskaŭs.

Por la ĉiutaga vivo mi konas version de Labskaŭs kiu estas facile kuirebla hejme (por 4 personoj):

Kuiru 800 g da senŝeligitaj terpomoj kun salo. Fritetu kubetojn de 1 cepo en iom da oleo, aldonu 350 g da muelita peklita bovaĵo (1 skatolo da *Corned Beef*) kaj iom de la suko de piklitaj ruĝaj betoj (pro la koloro). Miksu kun la terpomoj kaj kaĉigu kun ĉ. 0,25ℓ da buljono (ankaŭ eblas uzi terpoman pulvoron). Aldonu salon kaj pipron laŭguste. Tiam fritu ovojn por surmeti po unu sur porciojn. Aparte servu tranĉaĵojn de ruĝaj betoj kaj salakve konservitaj kukumoj.

Benno Klehr

## Marc-Antoine CHARPENTIER

estis franca muzikisto naskita en Parizo (ĉirkaŭ 1640 - 1704). Unue studento de Giacomo Carissimi, li fariĝis kapelmajstro en Parizo. Li skribis dekojn da religiaj kaj liturgiaj muzikaĵoj, oratorioj, mesmuzikaĵoj, operoj.
Unu el liaj verkoj estas aparte fama (Te Deum), ĉar ĝi servas kiel oficiala muziko de la eŭropaj televid-elsendoj „Eŭrovido“ (Eurovision).

---

## 1m² kostas € 13.000

La plej multekostaj loĝejoj en Hamburg troviĝas en la *Havena Urbo.*



La iom tordite aspektanta nova konstruaĵo estas 55 metrojn alta kaj enhavas 58 luksajn loĝejojn. La plej supra loĝejo havas pli ol 500 m² kaj kostas sep milionojn da eŭroj.
Same kiel la najbara nova konstruaĵo de Unilever, ĝi ricevis arkitekturan premion *European Property Award* kiel la plej bona loĝeja turo.

# Solvo de Hamburg-Enigmo




La restoracio *Oberhafen-Kantine* troviĝas apud fervoja ponto en Stockmeyerstraße, proksime al la malnovaj *Deichtorhallen*. La specialaĵo *Hamburga Blanka Kolbaso* enhavas interalie haringon.
La konstruaĵo el la jaro 1927 suferis sublavadon dum pluraj altaj tajdoj. En 1997 ĝi estis fermita pro sekurecaj kaŭzoj kaj oni volis malkonstrui ĝin, sed en 2000 ĝi fariĝis arkitektura monumento kaj en 2005 ĝi estis amplekse renovigita kaj en 2006 remalfermita.

# Multekosta filharmonio

La nova prestiĝa konstruaĵo *Elbphilharmonie* nun pli kaj pli multekostiĝas. En la komenco (2005) oni planis efektivigi ĝin por 186 milionojn da eŭroj, el kiuj la urba ŝtato pagu „nur“ 77 milionojn. La reston oni volas pagi el donacoj kaj fondaĵoj. Poste la konstruaĵo fariĝis pli kaj pli multekosta:



En 2006 estis 241 milionoj, en 2008 aldoniĝis pliaj 270 milionoj, kaj nun, kiam la projekto atingis prezon de 500 milionoj, la senato per jura procezo klopodas limigi la kostojn. Por la ŝtato nun el planitaj 77 milionoj por la Elb-filharmonio supozeble fariĝos 323 milionoj da eŭroj kaj tiu sumo oni devos pagi el la impostoj de la urba ŝtato; ŝtato kiu jam nun preskaŭ bankrotiĝis. Por atingi kulturan prestiĝon ŝajne nenio estas tro multe.



# Stockholm Eŭropa verda ĉefurbo 2010 Hamburg sekvos en 2011

Por 2010 Stockholm gajnis la konkurson pri la honora titolo pro tio ke la urbo havas integritan administracian sistemon, kiu ek de la komencoj en ĉiuj planadoj konsideras mediprotektajn aspektojn. Krome la urbo sukcesis de post 1990 redukti la eligon de karbondioksido je 25% kaj nun strebas ĝis 2050 atingi funkcion de la urbo sen la uzado de karbo kaj petrolo.
**Hamburg** eniris la konkurencon pri la premio per jenaj klimato-protektaj projektoj:
Konstruado de nova tramlinio (40 km), novaj subteraj metroaj linioj al la flughaveno kaj en la havenan urbon, malaltigo de produktado de $CO_2$, distriktaj sistemoj por hejtado kaj energi-ŝparaj konstruaĵoj.

# Holm Sörensen 1928–2010

Holm Sörensen estis aktiva membro de la Esperanto-klubo en Hamburgo dum longa tempo en la jaroj post 1970 kaj daŭra vizitanto de la ĵaŭdaj kunvenoj. Kompreneble li ankaŭ partoprenis en la ĉefa aranĝaĵo de la Hamburgaj esperantistoj: La preparlaboroj por la Universala Kongreso de Esperanto en 1974. Li tenis la rilatojn al la Esperanto-junularo. Kutime ili prilaboras sian propran mondkongreson, kiu okazis en tiu jaro en Münster, kie estis forta junulara grupo kun memstaraj agantoj. Tamen necesas kunordigado de ambaŭ kongresoj, kion Holm Sörensen prizorgis. En Hamburgo li estis multe laboranta membro de LKK, la Loka Kongresa Komitato. Inter alie li desegnis la mapojn pri la vojoj uzeblaj de kongresvizitantoj por la kongresaj publikaĵoj, ekzemple la kongreslibro, kion simple kopii el mapoj ne eblis pro la kopirajto. La LKK-membroj kaj la Hamburgaj esperantistoj memoras pri Holm Sörensen kun danko kaj estimo.

Dr. Werner Bormann

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Septembro

**2** **TV Esperanto Bjalistoko (3)**
Interesaj filmetoj, profesie produktitaj antaŭ kaj dum la UK 2009 en la naskiĝurbo de Zamenhof. (ĉirkaŭ 60 minutoj.)

**9** Sonbendigita festparolado de **Prof. Dro Ivo Lapenna** en la inaŭguro de la UK en **Den Haag 1964 (**27 min)

**16** Diskutrondo: **Kie kaj kiel varbi por Esperanto?** Unu aŭ dufoje jare ni varbas per stando. Ĉu ekzistas pli da manieroj varbi por la ideo?

**19** **Ekskurso al Ratzeburg**
Bonvolu rigardi paĝon 4

**22** **Estrarkunsido**
(publika)

**23** **Niaj teknikaĵoj – kiel uzi?**
Ni lernas utiligi projekciilon, DVD-ilon, porteblan komputilon kaj laŭt-parolilojn. Poste ni spektos filmon de Arte: "Philosophie – Sprache"

**30** **Esperanto – pasporto al la tuta mondo**
21a leciono de la DVD-lernkurso. Ankaŭ prezentota: La unua leciono de **„Mazi en gondolando"** (41 min.)

## Oktobro

**7** *Gerald Roemer:*
**La novaj limoj de kreskado**

**14** *Dr. Ursula Niesert:* **Wikipedia: mehr als nur ein Lexikon**

**– Bonvolu legi sur paĝo 4!**

**15** *D-rino Ursula Niesert:* **Enkonduko en la Esperanto-Vikipedion**

**16** *U. Niesert:* **Laborgrupo Vikipedio**

**21** **Prelego de Itala gasto**
*Paola Birgit Giommoni:*
***La Mafio***
***Italaj kaj Germanaj stereotipoj***
Se ne venos gasto, diskutrondo: **Gejunuloj – Ĉu ankaŭ troveblaj en Hamburgo?**

**27** **Estrarkunsido** (publika)

**28** **Apartigo** kaj **Apozicio** (Apudmeto) laŭ „ABC-mempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko" gvidas *Benno Klehr*

## Novembro

**4** *Gerald Roemer:*
**Ĉu riĉuloj vivas ekologie?**

**11** *Jutta Sültz:* **Mnemonika tekniko**
Kiel plibonigi sian memorkapablon

## Decembro

**18** (Sabato) **18:00 h Zamenhoffesto**
**Gastoj ĉiam estas bonvenaj!**
**Bonvolu anonci vian partoprenon.**